1ª jaro - Nº 1 (Publication mensuelle) Junio 1933

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: RAYMOND SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
COURBEVOIE (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi en francaj frankoj aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*Modelon de abonilo vidu sur la 3-a kovrilpaĝo!*

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Usono.

# ANSTATAŬ PROMESOJ...

Ĉiufoje, kiam en Esperantujo aperas nova gazeto (kiu vorto ne senkaŭze havas aspekton de diminutivo) aŭ revuo (kiu plej ofte estas nur revujo de l' eldonisto) aŭ kiu ajn folio (plej ofte nur brasikfolio), la unua artikolo estas, laŭ konata tradicio, teksita sur la sama « tekstilo » : La novulo provas pruve pravigi, per pli aŭ malpli fantaziaj argumentoj, la nepran necesecon de sia apero sur papero. El kio la publiko retenas nur du vortojn. Neceseco kaj papero. —

Tion ni spertis ne nur cent-, sed milfoje, kiel atestas la alta cifero, kiun jam atingis la montrilo de l' oficiala Esperanta gazetometro... Kaj malgraŭ tio, ankoraŭ aperas novaj gazetoj.

Ni konfesu sincere, ke nia PIRATO ne havas pli valoran senkulpigon ol la novenaskita infano, kiu — se ĝi jam scius paroli — povus nur konstati : « Jen mi estas ! »

Bone. Sed sendube ekzistas responduloj, kiuj eble krime kunhelpis al naskiĝo de LA PIRATO. Kion ili pretekstos ?

Al kio la responduloj povas respondi nur kiel 99 °/ₒ de ĉiuj honestaj gepatroj, aŭ ke « tio okazis dank' al koincida kunlaboro de diversaj cirkonstancoj », aŭ — pli simple — ke « tio estas akcidento ! »

Sed, finfine, ĉu oni almenaŭ rajtas scii, kion la gepatroj intencas fari el sia malbela filo ? Ĉu li estos granda scienculo, terura generalo, babilema advokato, grimacanta klaŭno aŭ dekretanta papo ?

Ni promesas nenion... Tamen, rigardante nian epokon, niajn samideanojn kaj nin mem, ni devas diri kun Juvenal, ke « estas malfacile ne skribi satirojn » *) kaj ni povas aserti kun Rabelais, ke « pli bone estas skribi pri gajaj ol pri malgajaj aferoj, ĉar ridadi estas propraĵo de l' homo » **).

Sub tiuj ĉi devizoj nia Ŝipo eknaĝis.

LA PIRATO veliros, sendepende de l' vento.

---

*) « Difficile est satiram non scribere. »

**) « Mieux est de ris que de larmes écrire, pour ce que rire est le propre de l'homme. »




# Multe da bruo pro... vosto de fazano!

En la aprila numero de Literatura Mondo aperis kvin Esperantaj tradukoj de la fama «tanka» (?) de japana (aŭ ĉina) poeto Hiromara «La Vosto de Fazano». La kvin tradukintoj nomiĝas Grabowski, Hohlov, Kalocsay, Totsche kaj Waringhien, el kiuj — se ni estas ĝuste informitaj — preskaŭ neniu estas japano. Kion ni dirus, se niaj japanaj amikoj, por sin venĝi, entreprenus nun la Esperantan tradukon de niaj eŭropaj verkistoj??—

La kvin cititaj tradukoj estas kvin variantoj. Nur pri unu punkto ili ŝajne unuanime konsentas: «La nokto estas tiel longa, kiel la vosto de fazano.» — Hi, hi! Ni tre dezirus vidi tiun fenomenan fazanon aŭ koni tiun malfeliĉan landon, kies noktoj ne estas pli longaj ol la vosto de fazano. Tiu lando verŝajne nur malofte estas la celo de geedziĝvojaĝoj.

Ĉe Grabowski la vosto fazana apartenas al... pavo. — Hohlov konkludas: «Aĥ, en mia kabano!» kaj Kalocsay: «Aĥ, kuŝi en solo frosta!» — Totsche senaĥe sed vane atendas la dormon, dum Waringhien time sin demandas: «Ĉu dormu mi solula?»

Aĥ, aĥ, aĥ, sinjoro Waringhien, ĉu oni iam scios, kiel vi solvis ĉi tiun problemon?

La dejôranta Pirato.

# Ping Baghy!
# Pong Kalocsay!

Ping! Pong! — Malgraŭ la sonoreco de tiuj onomatopeoj la samnoma ludo estas nur salona sporteto. — Kiam ni aŭdis pri la disiĝo de l' Dioskura paro Baghy-Kalocsay, pri ilia diskuto koncerne la poezian fakvortaron, nia pirata koro eksaltis kaj ekkriis grenkampe*): Nun ni vidos honestan sporton!

Jes, kukon, — kiel diras niaj germanaj samideanoj. Oni nelojale trompis nin. En la vastaj kolonoj de Literatura Mondo la disiĝintaj fratoj ĝentile interŝanĝas komplimentojn. Trempinte sian plumon en sukeran akvon Kalocsay certigas al la kara Baghy, ke «ankoraŭ nun li sentas por li amon kaj amikecon», dum la kara Baghy susuras ameme al la kara kolego, ke «li restas amikece lia!» Ni prave supozas, ke la du mielecaj kontraŭuloj uzis por sia privata korespondado la kolonojn de L. M. nur, ĉar ili ne konas siajn reciprokajn adresojn.

Niaflanke ni povas nur bedaŭri tian hontindan malbatalemon. Ĉu do neniu revivigos la belan rambuksan epokon, kiam presbitero Ramboux, duobla reprezentanto de la «dia tribo», ankoraŭ fulmotondris ĉefredaktore tra ESPERO KATOLIKA, kiu — dank' al Dio — tre ofte similis al Vespero Katkolika? Ĉu neniu? Jes, LA PIRATO!

Ni invitis du eminentajn disputistojn al oratora turniro. Por komenci ni lasas la parolon al S-ro Atrof Orkas**), lerta defendanto de la simpla Esperanto.

---

*) Diskreta aludo pri juneca peko de S. Grenkamp: «La Krioj de l' Koro».

**) Pseŭdonomo, cetere travidebla, kiun sro A. O. elektis por eviti konfliktojn kun sia edzino.

## Publika Letero al S-ro Genio Funel

Kial, sinjoro, vi fabrikas ĉiutage dekduon da novaj vortoj? Ĉu vere la honesta provizo de nia Fundamento ne plu sufiĉus al via horizonto limigita inter la malvastaj muroj de heredita stulteco? Vi deziras fajfi, sinjoro, pli alte ol permesas la lasta truo de via ftiza fluto kaj intertempe vi forgesas forviŝi la mukon de via nazo. — Ĉu do vi ne scias, kanajlo, ke ekzistas maniuloj malpli danĝeraj ol vi, kiujn oni enkarcerigas? Ha, se ni havus kelkajn ĝendarmojn!

Ĉiuokaze moderigu vian krokodilapetiton kaj nutru vin per la bonaj radikoj, kiujn de pratempo la laborema fosanto malkovras inter la sulkoj de nia kampo. Kiam oni ne havas kaviaron, oni manĝas haringon, sed eĉ haringo estas tro nobla nutraĵo por via kanibala faŭko. Ĉi kune mi sendas al vi sekiĝintan fiŝoston kaj volu Dio, ke ĝin manĝinte vi krevu.

Tion esperas sincere

Atrof Orkas.



## Publika Respondo al S-ro Atrof Orkas

Pro la kompata sento, kiun ni ŝuldas al malfeliĉaj kretenoj, mi konsentas malaltiĝi ĝis via nivelo. La argumentoj, kiujn vi kraĉis al mia adreso, neniel konvinkis min. Se plaĉas al vi rampi surventre kun viaj samspeculoj, la radikoavidaj porkoj, se plaĉas al vi konversacii nur kun viaj intimuloj, la puloj, cimoj kaj pedikoj, kiuj amase svarmas en via nekombita barbaĉo, tio estas via propra afero, sed detenu viajn malpurajn manojn de la jubilanta alaŭdo! — Mi konsilas al individuo kia vi, specimeno kunfuŝita el koto kaj vomrestaĵoj, paroli pri ĝendarmoj. Diru do al mi, kie troviĝas nun la kaso de la grupo «Vivu ni» kaj kiom restis en ĝi, kiam vi malaperis kune? — Ĉi kune mi resendas vian fiŝoston. Estus domaĝe, se vi seniĝus je tiu relikvaĵo, kiu sendube apartenis iam al unu el viaj prapatroj.

Kaj sensalute, senrespekte, mi sidiĝas sur vian palan fromaĝvizaĝon.

Genio Funel.



**Tiel statas la afero. Niaj legantoj konfesos, ke nun la situacio estas pli klara, la atmosfero pli pura.**

# Esperanto kaj Nudismo

Sub tiu ĉi titolo la nudista societo «VIVRE» aranĝis antaŭ nelonge publikan debaton. Unuavide la kuniĝo de tiuj ĉi du vortoj ŝajnis al mi stranga kaj la temo min inspiris dum pluraj tagoj. Mi pripensadis, kiuj povas esti la komunaj aŭ la kontrastaj punktoj inter la du movadoj. La rezultato de mia cerbumado estas proksimume la jena:

| | |
|---|---|
| Ĉiuj Esperantistoj estas egalaj en la neŭtrala lingvo; nur naturaj talentoj povas krei malegalecon. | Ĉiuj homoj estas egalaj en la nudeco; nur naturaj avantaĝoj povas krei malegalecon. |
| Esperanto superas la latinan lingvon laŭ diversaj vidpunktoj, sed ĉefe, ĉar en Esperanto oni povas diri: «Mi metas mian naztukon en la poŝon de mia pantalono.» | Nudisto ne superas la latinan lingvon, ĉar ankaŭ li ne povas meti sian naztukon en la poŝon de sia pantalono. |
| Dum kongresoj oni ofte sin amuzas divenante la naciecon de la personoj laŭ la prononcado. | En nudistejo oni povas fari amuzan ludon divenante, kiel aspektas la personoj en siaj kostumoj. |
| Ĉu oni estas vera Esperantisto, kiam oni ne portas la stelon? | Ĉu oni estas kompleta nudisto, kiam oni portas binoklon, brakhorloĝon kaj eĉ perukon? |
| Ĉiufoje, kiam temas pri niaj internaciaj kostumbaloj, restariĝas la problemo pri la «fantaziaj» kostumoj. | La nudistoj solvis la problemon. |
| Esperantisto diras: Rajdi sur leono estas danĝere. | Nudisto diras: Sidi sur dornaĵo estas dolore. |
| Per Esperanto oni povas esprimi ĉiujn sentojn, eĉ la plej delikatajn. | ........................... ........ cenzurita *) ........ ........................... |
| Esperantisto estas idealisto, kiu sekvas la stelon. | Nudisto estas idealisto, kiu amas la sunon. |

Vivu la Stelo kaj la Suno!

M. C. Major.



*) Laŭ la principo de la libereco... relativa!

# JOZEFO R. SCHERER

## speciala sendito de I. C. K.

# vizitis la planedon MARS !!!

---

*LA PIRATO ŝuldis al sia reputacio publikigi kiel unua la sensacian raporton de nia nelacigebla propagandisto. Dank' al nia perfektigita radioaparato, kies antenojn ni instalis en la stratosfero, ni sukcesis kapti la tre interesan raporton.*



Mi estas la unua terano, kiu vizitis la planedon Mars. Ĉiuj povas facile imagi, kiom da energio, kuraĝo, takto kaj inteligenteco estas necesaj por entrepreni tiun ĉi esplorvojaĝon.

Kiam mi kontaktiĝis kun la planedo Mars, mi unue reordigis mian kravaton. Tion mi faras ĉiam, kvazaŭ instinkte, pro longa kutimo, kiun mi akiris dum miaj surteraj propagandvojaĝoj, ĉar mi ĉiumomente devis esti preta troviĝi antaŭ fotografaparato. Mia bildo aperis pli ol 7.385 fojoj en diversaj gazetoj !

Poste mi konstatis, ke neniu Marsano eksciis pri mia alveno, ĉar mi vidis neniun triumfarkon. Komence mi estis tute sola, sed mi ne timis. Nur post duonhoro da marŝo mi renkontis du Marsanojn, kaj mi demandis min : « Ĉu mi komprenos ilin ? Ĉu ili komprenos min ? » Al tiu ĉi demando mi tre baldaŭ ricevis respondon, ĉar preskaŭ samtempe ili ambaŭ ekparolis :

« Kibiubu vibi ebestabas ? » — « Debe kibiebe vibi vebenabas ? »

Alia samideano, malpli rapidkomprena, verŝajne

estus restinta tie kun buŝo larĝe malfermita. Sed miaj fidelaj legantoj certe jam scias, ke mi parolas flue en sep lingvoj, ke mi stenografas kaj maŝinskribas perfekte, ankaŭ bicikli mi povas kaj marŝi surmane. Por mi estis nur infanludo tuj kompreni la Marsan lingvon, kaj mi senhezite klarigis al la Marsanoj :

« Mibi ebestabas laba fabamaba Jobozebefobo Schebereber », kaj montriĝis, ke mi parolas ilian idiomon jam ĉe l' unua provo kiel iliaj plej bonaj oratoroj. Miaj legantoj ne miros pri tiu ĉi eksterordinara adaptiĝkapableco. Sufiĉas, ke mi rememorigu al ili, ke mi flue parolas en dek diversaj lingvoj, ke mi scias naĝi kaj kudri, telegrafi en kodciferoj kaj muziki sur plej strangaj instrumentoj. Sed pensante pri la celo de mia misio, mi petis la du Marsanojn, ke ili konduku min al la plej alta aŭtoritatulo, (tio estas tre longa vorto en la Marslingvo !) ĉar laŭ miaj spertoj estas ĉiam pli bone rilati kun samranguloj. Ni ekiris. Sed survoje la Marspopolo eksciis, kiu mi estas kaj admirante amasiĝis ĉirkaŭ mi. Mi povis bone ilin observi kaj mi konstatis, ke laŭ ekstera aspekto la Marsanoj similas al gigantaj terpomoj. Mi spertis poste, ke ili estas el kaŭĉuko. Bedaŭrinde mi ne povis pli longe okupiĝi pri ili, ĉar nun ili laŭte insistis, por ke mi faru al ili paroladon. Mi do prezentis al ili mian paroladon n-ro 3, kiu vekis grandan entuziasmon. Kompreneble ili tre longe kaj brue aplaŭdadis, kaj estas eble interese diri kelkajn vortojn pri la Marsa aplaŭdmaniero. La Marsanoj esprimas sian ĝojon ne kiel ni, klakante per la manoj, sed frapante sian tiel nomatan postaĵon sur la trotuaron ; — ili faras tion tre lerte kaj tiel rapidtakte, ke ŝprucas fajreroj. Fine ili lasis min daŭrigi mian vojon kaj mi estis tuj akceptata de la Supera Marsestro. Li nomiĝas Stubultabaŝabafkabapobo kaj estas tre instruita ulo, kiu jam multon aŭdis pri mi. Li faris tre belan toston, kiun mi dezirus citi tuta, laŭlitere. Bedaŭrinde tio estas neebla, ne nur, ĉar la Marsaj vortoj estas tre longaj, sed ĉefe, ĉar sinjoro Stubultabaŝabaf-

kabapobo nekuraceble kaj senhalte balbutadas. Mi tiel povas nur resumi. Li diris :

« Tre estimata sinjoro Scherer ! Estas granda honoro por la Marsa popolo ricevi la viziton de la plej eminenta terano, speciala sendito de I. C. K. Mi gratulas vin pro via granda scienco, via universala talento kaj genia mieno. Mi vere tre ĝojas konatiĝi kun vi. »

Post tiuj saĝaj vortoj necesis, ke mi aplaŭdu sincere kaj por pruvi mian bonedukitecon mi deziris aplaŭdi laŭ la Marsa maniero. Miaj legantoj ja scias, ke mi adaptiĝas tre facile al la moroj kaj kutimoj de la landoj, kiujn mi vizitas. Bedaŭrinde mi sukcesis nur difekti miajn aplaŭdovangojn kaj eĉ ne povis ŝprucigi fajrerojn. Tiu aplaŭdado postulas certe tre longan ekzercadon. Sed mi tamen havis la okazon rekompenci sinjoron Stubultabakajtielplu, ĉar mi faris speciale por li miajn paroladojn n-ro 5 kaj 9. Mi intencis ankaŭ komenci la paroladon n-ro 23, kiam iu deĵoranta oficiro alproksimiĝis kaj transdonis al mia gastiganto radiogramon ĵus ricevitan. La Supera Marsestro plurfoje tralegis ĝin, sed ne povis kompreni, ĉar la teksto estis verkita en la tera Esperanto. Vidante lian embarason mi tuj proponis mian helpon. Miaj legantoj ja ne forgesis, ke mi parolas flue en dek-naŭ diversaj lingvoj. Kaj mi senpene legis :

« Radiogramo de Ĝenevo.
Se Scherer alvenis ĉe vi, bonvolu lin konservi.
I. C. K. »

Mi devas konfesi, ke komence mi ne komprenis...

*(Daŭrigota)* *).

*La aŭtentikecon de tiu ĉi dokumento garantias*

JULES LARIBOIS.

---

*) Verdire tiu ĉi raporto povus finiĝi ĉi tie. Sed tiam neniu kredus, ke ĝi venas de Jozefo Scherer. Tial : Senkompate daŭrigota. — (LA RED.)

# EL GERMANUJO

**La movado kontraŭ ne-arianaj kuracistoj kaj advokatoj.**

HITLERANO : « Ĉu vi estas aŭtentika ariano, D-ro Levi ? »
D-ro LEVI : « Sendube, mi ja vivas nur de miaj honorarioj. »
HITLERANO : « Kion tio pruvas ? »
D-ro LEVI : « Ke mi estas honor-ariano ! »



**Germanaj judoj post la " manifestacio " kontraŭjuda.**

Abraham Rosenblatt renkontas sian amikon Isidor Kohn, kiu estas riĉa sed ne tre instruita homo.

« Nu, Isidor, ĉu vi komprenas nun la signifon de la vorto bojkoto ? »

« Nun jes. Ĝi konsistas el du partoj : Boji kaj koto. »




— Vi aĉetis porkon, patro ! Sed vi ne havas porkejon.
— Ne grave, — ĝi loĝos kun ni.
— Jes, sed kio pri la odoro ?...
— Nu, — bestoj devas alkutimiĝi al ĉio.




*Sub tiu ĉi rubriko ni publikiĝos laŭ la okazo la plej... nu, ni restu inter la limoj de l' ĝentileco kaj diru... la plej « rimarkindan » literaturaĵon de l' lasta tempo.*

*Hodiaŭ ni havas la honoron ĉerpi el LITERATURA MONDO (aprila n-ro), el kiu ni kopias fidele :*

TELEFONOJ

V. Nezval

Generaledzino en negliĝo
Vokas min el lito telefone
Trufoj aĉetitaj pro prestiĝo
En ŝia ĉambro odoregas bone

Mi parolas kaj senceremonie
Staras antaŭ ŝi en bano
Mastro general' kun ruĝstrioj tie
Sidas kaj trinkas je ies sano

Fino mia kaj ŝia astralo
Sin kisis dum telefona ludo
La fraŭlin' el interurba centralo
Min mane tenas en mia nudo

El la ĉeĥa : Stan. Kamaryt

La ĉi supra « poemo » estas unu el tiuj, kiujn oni povas legi kun sama profito ankaŭ komencante ĉe la fino. Faru provon kaj vi facile konvinkiĝos. La interpunkciaj signoj certe ne ĝenos. Se ni ĝuste komprenis, temas ĉi tie pri generaledzino, lito, telefono, trufoj, bano kaj astralo. Post tio estas klare, ke la « mastro general' havas ruĝstriojn tie ». (Ne interpretu tiun ĉi fatalan konstaton kiel signon de malrespekto ! Ho ne, sinjorino ! )

La «trufoj aĉetitaj pro prestiĝo» estas en si mem kompleta poemo.

Esperante, ke iam aŭ tiam, Ludoviko Totsche, kiu jam bonvolis klarigi al ni la poemojn de Kalocsay, komprenebligos ankaŭ ĉi tiun astralaĵon, ni povas hodiaŭ nur demandi: Kiu estas la mistifikanto? Ĉu V. Nezval, — ĉu Stan. Kamaryt? Tiel staras la problemo.



*Nur sub tiu ĉi rubriko ni povas publikigi kvaron-ĉefverkon, aŭ pli ĝuste nur dekon-ĉefverkon, de nia kunlaboranto Joseph Nels. Sed komentarion ni ne aldonos. Estus vane.*

## VOLUPTO

Volupto, ĉarm' momenta, ĉarm' rapidpasanta,
Feliĉo efemera, baldaŭ forkuranta,

Sed al ni kara... Volupto, filin' de Angoro,
Kies ĉiziĝas signoj ruĝe en la koro!

Vin serĉas filozofo, revas vin poeto,
Ho Volupto, de la Eterno sekreto...

Kaj la generacioj al vi kantas gloron,
Vi, minuta Forgeso, naskanta Doloron...

Kaj mi konas vin, Monstro forta kaj kruela!
Mi spiris vin en la ekstazo malhela
De amo sovaĝa, freneza, sed bela!!

Kaj kvankam la animon disŝiras sufero,
Kvankam ne plu ekzistas por mi la espero,
Mi vivas ĉiam por Vi, ho sankta Mistero...

JOSEPH NELS.



*La Parizaj Piratoj komplotas ĉiumerkrede vespere en sia sekreta kaverno, Kafejo « Voltaire », Place de l'Odéon. Abonantoj povas viziti sen danĝero.*

# Hura... hura! Granda venko!

Kun sincera ĝojo, kun nobla emocio, ni ĉiuj legis en nia bone informita kaj ĉiam serioza gazeto HEROLDO (n-ro 19, 14-a de Majo) sensacian komunikaĵon :

**Ĉevalo « Esperanto » gajnas unuan premion**

Ĵaŭdon, la 4-an de Majo, Lordo Willoughby de Broke, la fama angla sportisto, akiris la unuan premion de la unua konkurso, je la 2-a horo posttagmeze, per sia ĉevalo nomita « Esperanto ». La ĉevalo estis ekzercita de S-ro H. Leader kaj rajdita de B. Carlsloke kaj atingis la bonan vetprezon 100 : 8 t. e. 12 1/2 kontraŭ 1. Bedaŭrinde nia informinto ne menciis, kie la ĉevalkurado okazis.

Feliĉe ni povas kompletigi la supran tre interesan sciigon per pluaj detaloj same interesaj.

La ĉevalo « Esperanto » konatiĝis kun nia lingvo unuafoje la 27-an de Junio 1919, kiam ĝi akcidente formanĝis la Esperantan lernolibron de S-ro H. Leader. La lernolibro konsistis el verdaj paĝoj kaj tio kreis konfuzon, ĉar la ĉevalo estis tre frandema rilate al verdaj folioj. Dum dek tagoj kaj dek noktoj S-ro H. Leader atendis sian lernolibron ĉe la elirejo. Sed la libro ne revenis. Tio montras, ke la ĉevalo vere interesiĝis pri Esperanto !




Ni atentigas ĉiujn radio-amatorojn, ke la ĉevalo « Esperanto » bonvolos, laŭ nia peto, konfidi al la mikrofono, la 31-an de Junio, 18,00 — 18,05, siajn personajn impresojn pri nia bela lingvo.

Ne forgesu sendi gratulleterojn al la ĉevalo. Utila propagando !

A. B. C. AWFUL.

*« Ĉefafero estas ridi. Ne gravas, je kies kostoj. »*



*« Popolo, kiu ne kuraĝas moki pri si mem, ne estas matura. »*



*La inteligentaj Esperantistoj estas abonantoj de LA PIRATO.*

# La Jozefoj en Japanujo

Neniam iu Esperantisto havis en Japanujo tiom da sukceso, kiom niaj nejapanaj Jozefoj. Post la triumfa vojaĝo de Jozefo Scherer, kies raportoj ankoraŭ minace eĥas en niaj oreloj, sekvis la retriumfa rondiro de Jozefo Major. Statistikaj ciferoj montras la brilan rezultaton de l'jozefa propagandmetodo.

Dezirante ankaŭ niaflanke kunhelpi laŭ niaj modestaj fortoj al la definitiva venko de Esperanto en Japanujo, ni ne hezitas fari grandan oferon kaj tial direktas sinceran alvokon al niaj japanaj samideanoj.

NUR UNUFOJA OFERTO! PROFITU!

Karaj amikoj!

Ni tenas je via dispono ankoraŭ unu Jozefo-ekzempleron tute bonkvalitan, preskaŭ nedifektitan. Estas nia kunlaboranto Jozefo Nels, kiun ni volonte cedus al vi kontraŭ malalta sumo, eventuale nur kontraŭ pago de l' sendkostoj. *)

Ankaŭ Jozefo Nels estas interesa propagandilo, kiu ne timas paroladi antaŭ radioaparato. Se necese, ĝi volonte konvertiĝos al Oomoto kaj eĉ, de tempo al tempo, ĝi konsentus, laŭ la japana kutimo, sin bani.

Sinjoro Jozefo Nels mirinde kapablas kritiki la Eŭropan kulturon, forbruli kion li adoris, entuziasme admiri viajn ĉerizarbojn kaj adicii statistikajn ciferojn. Ĉu necesas aldoni, ke ankaŭ li estas relative inteligenta?

Bonvolu sendi seriozan proponon al LA PIRATO sub rubriko « Brokantaĵoj ».

---

*) Simila negocado okazis jam koncerne alian Jozefon dum la bibliaj tempoj.




**Komplimentoj.** — Sro Dubois foje estis prezidanto de la fama reorganiza komisio (ĉio povas okazi!) kaj kiel prezidanto li ricevis foje « gratulan » leteron de nia samideano D-ro Medrkiewicz. Ĝi estas iom forta, tiu letero, kaj la francaj Esperantistoj, kiuj pri la reorganiza demando havas alian opinion ol D-ro Medrkiewicz, povas preni sian parton da ĝentilaĵoj. — Sed Dubois estis tre fiera pri tiu « atesto » kaj plezure ĝin rondirigis, je la granda ĝojo de ĉiuj. Kaj iam iu scivolemulo — estis nia amiko Mange — demandis: « Ĉu vi estas certa, ke via korespondanto ne embuskigis ankoraŭ pli fortan "kompliment-on" inter la komencaj literoj de sia nomo? » — Finfine tio estus lia rajto, ĉar la aludita vorto apartenas nun al la « poezia fekvortaro » (Vidu « Parnasa Gvidlibro »). Sed ĉu tio estas rekomendo?

**La strutpolitiko.** — La 20-an de Majo UFE aranĝis konferencon en Ĝenevo por pristudi la situacion de l'reorganiza ĥaoso kun la intenco trovi, se iel eble, solvon akcepteblan de ĉiuj. Kompreneble ankaŭ UEA estis invitata, sed UEA rifuzis ĉeesti. Verŝajne pro la altaj vojaĝkostoj??

**Kaj tamen...** — Kaj tamen, — tio estas tute aparta ĉapitro — UEA iris al Ĝenevo. Sed dezirante savi sian virgecan honoron UEA ne povis publike eniri en la domon de UFE. Pro la sama motivo UFE ne povis sin ŝteli en la hejmon de UEA. Kion fari? — Ili renkontiĝis en hotelo. — Jes, sinjoro, kiel geamantoj.

**Kaj nun?** — Post tiu intima hotela kunveno oni anoncas, kiel decas, la gefianĉiĝon de UEA kaj UFE, kvankam neoficiale. Se la gepatroj konsentas, la geedziĝo okazos en Kolonjo. Fraŭlino UFE fariĝos sinjorino UEA. Sed kiu poste portos la pantalonon?

**Konvertiĝo.** — Inter la novaj Subtenantoj de UEA oni trovas la nomon de S. Grenkamp. Tion ni neniel riproĉas al Grenkamp. Male. Sed ni volonte pagus duonfunton da arakidnuksetoj por vidi nun la kapon de S-ro Delanoue, iama ĉefdelegito kaj posta eksigito de UEA, se ha-

zarde li ankoraŭ legas Esperantajn gazetojn.

**Kiam?** — Kaj nun dika demando al nia amiko Grenkamp: Kiam aperos la jam ofte anoncita kaj senpacience atendata verketo « Kion homoj valoras? » — Kaj se ĝi aperos, ĉu ĝi estos konforma al la unua projekto? — Hej kuniklo, kia tiklo!

**Troigo.** — Oni certigis al ni, ke depost la rasisma movado en Germanujo nia bona « Heroldo » aperas sub nova kostumo, aŭ pli ĝuste uniformo. Oni ankaŭ diris, ke por montri sian pure Arianan devenon ĝi nomiĝas nun « Herr Oldo ». Mensogo, trompo kaj kalumio! La lasta numero de « Heroldo » (11-a de Junio) kuŝas antaŭ ni. Nenio — aŭ preskaŭ — ŝanĝiĝis!

**Kaj klarigo.** — Ke kelkaj Esperantistoj — ĉu estis en Leipzig? — havis malagrablaĵojn, oni ne intencas nei; sed estas ilia propra kulpo. Kiel multaj aliaj, ankaŭ ili ekkriis « Heil Hitler! » — Malfeliĉe oni ne povas elparoli la germanan « Heil » alimaniere ol la Esperantan « Hajl », kaj iu tro fervora policisto konkludis, ke niaj samideanoj « hajlas » Esperante. Kaj tiam stariĝis la dilemo: Aŭ ili altiras hajlon sur la kapon de l' estro aŭ ili komparas lian reĝimon kun la bonfara efiko de la hajlo. En ambaŭ okazoj la provokantoj meritis punon.

**Simpla konstato.** — En sia januara numero « Literatura Mondo » promesis, ke de nun ĝi malpliigos la nudaĵajn bildojn. — Sed en la marta numero oni povas facile, senlorne kaj per nuda okulo, kalkuli almenaŭ 25 nudaĵojn. Kompreneble ni ne protestas.



## PRESERARO

Sur paĝo 15, 25-a linio de supre, bonvolu legi « fakvortaro » anstataŭ « fekvortaro ». Dankon!

*Le Gérant:* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# MODELO DE ABONILO

*Al S-ro J. SOLSONA*
*9, rue Hallé*
*Paris - XIV*

*Ĉi kune mi sendas al vi ............ fr. fr.* *)
*(aŭ egalvaloron) per poŝtmandato, ĉeko, monbiletoj, — (trastreku la nekonvenan) — kiel abonpagon al LA PIRATO, por unu jaro (12 numeroj), ekde la monato ............*

*Familia nomo :* **) ............

*Antaŭnomo :* ............

*Urbo (aŭ vilaĝo)* ............

*Strato kaj n-ro* ............

*(se necese) Provinco* ............
*Distrikto, ktp.*

*Lando :* ............

**... Kaj sendu al ni la adresojn de piratemaj amikoj !**
**DANKON !**

---

*) Tarifon vidu sur la 2-a kovrilpaĝo.
**) Skribu tre legeble !